# Esperanto en Azio

(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)

**N-ro 63**
**Bulteno de KAEM**
**Junio 2009**

---

## Emblemo de la AK6




En la dekstra flanko de la emblemo estas du fiŝoj, signifantaj en la mongola lingvo "*arga* kaj *bilig*", en la ĉina lingvo "*in* kaj *jan*", ekzemple korpo kaj spirito, varma kaj malvarma, blanka kaj nigra, katodo kaj anodo ktp. Mongoloj konsideras, ke en la universo ĉio konsistas el tiaj du flankoj. Tiu simbolo estas ankaŭ sur la mongolaj ŝtataj blazono kaj flago. La emblemon desegnis s-ro Dogsuren Khurelbaatar.

Chimedtseren Enkhee <enchjo@yahoo.com>

# Partoprenu en la Azia Kongreso en Mongolio

La festivalo de aziaj esperantistoj aŭspiciata de KAEM, la 6-a Azia Kongreso de Esperanto, okazos de la 19-a ĝis la 23-a de junio 2010 en Ulanbatoro, la ĉefurbo de Mongolujo. Tiuj, kiuj havas intereson pri la kongreso, povas gajni koncernatajn informojn (pri Mongolio, pri la aliĝkotizoj) en la retpaĝo de Mongola Esperanto-Societo, www.mongolio.info.

Se vi havas demandojn rilatajn al la kongreso, bonvolu turni vin al LKK rete ak2010@esperanto. mn.

# "La Lingvo de Paco" en la Paca Lando

**Esperanto-Eduka Projekto en Laoso fare de KAEM**

En aprilo KAEM sendis s-ron Lee Jung Kee, la prezidanton de KAEM, kaj s-inon Klarita Velikova el Britio, la prezidanton de Monda Esperanta Ligo por Sporto, al Laoso por semi Esperanton en tiu lando.



La agado en Laoso estis planita kaj gvidata de s-ro Lee Jung-kee kaj s-ino Klarita Velikova, kaj ilin helpis multaj laosanoj pri la preparo kaj la organizado el Laoso.

**Maldekstre Klarita, meze prof. d-ro Ph. Khounsavath, vicprezidanto de Nacia Universitato de Laoso, kaj dekstre s-ro LEE.**

**Gravaj Esperantaj Eventoj dum la unua periodo**

1. Renkontiĝoj kun laosanoj (12-14 civitanoj ĉefe diplomiĝintaj en Orienta Eŭropo en diversaj kampoj: preventa higieno, medicino, farmacio, ministrejo de financo, agrikulturo, edukado kaj privata entrepreno), kaj antaŭa popularigo de la projekto pere de neformalaj kontaktoj (la 4a-6a de aprilo).
2. Renkontiĝoj kun 5 ĉefaj kunordigantoj de la laosa flanko kaj diskuto pri la strategio kaj eventoplano por la semajno (la 6a de aprilo).
3. Esperanto-klaso (enkonduko kaj baza leciono) por civitanoj de la ĉefurbo, kiuj studis eksterlande, parolas kelkajn fremdajn lingvojn kaj montris intereson pri Esperanto (la 6a de aprilo).
4. Du prelegoj (en la angla lingvo, per "powerpoint" kaj traduko al la laosa) en la Laosa-Singapura Kolegio pri Komerco, en la urbo Vientiano (la 7a de aprilo). La temoj estis:

   "La lingvo de paco en la paca lando" farita de s-ino Velikova (pri la ideo de la universala lingvo, la bezono por komuna scienca lingvo, historio, uzado kaj gravaj karakterizoj de Esperanto, organizoj kaj eventoj en Esperantujo ktp.)

   "Azia Esperanto-movado", prezento per bildoj, farita de s-ro Lee Jung-kee
5. Enkonduka Esperanto-klaso por lernantoj de la kolegio, kiuj esprimis sian intereson pri la lingvo (la 7a de aprilo).
6. Vizito al la Kolegio pri Administrado "Unueco" kaj diskuto kun la estraro pri la ebleco enigi Esperanton kiel unu el la elekteblaj lernoobjektoj en la kolegion aŭ la estontan kolegion pri turismo, kiu estas preparata nuntempe (la 7a de aprilo).
7. Renkontiĝo de s-ro Lee, s-ino Velikova kaj s-ro Kanna Baran en la Korea Ambasadorejo en Laoso kun la konsulo, s-ro Kim Jun-Sung, al kiu la Esperanto-projekto estis prezentita (la 7a de aprilo).
8. Persona renkontiĝo de s-ro Lee, s-ino Velikova kaj estroj de Kolegio "Unueco" kun la vicprezidanto de Nacia Universitato de Laoso, prof. d-ro Ph. Khounsavath (respondeculo pri akademia,

esplora kaj postdiploma universitato); diskuto pri la politiko de la Universitato pri fremdaj lingvoj, unua prezento de Esperanto al la profesoroj kaj studentoj tie, pri kio li estis antaŭe informita (la 8a de aprilo).

9. Persona renkontiĝo de s-ro Lee, s-ino Velikova kaj estroj de Kolegio "Unueco" kun la vicestro de la Fakultato pri Literaturo (Fako pri Laosa Lingvo kaj amaskomunikado) en la Nacia Universitato de Laoso, prof. S. Holanouphab, kiu organizis prezenton de Esperanto en la fako (la 8a de aprilo).
10. Du prelegoj en la Nacia Universitato de Laoso (la 8a de aprilo): "La lingvo de paco en la paca lando" farita de s-ino Velikova kaj "Azia Esperanto-movado" farita de s-ro Lee.
11. Parolado pri Esperanto, Esperanto kaj Bahaismo kaj la celoj de la Esperanta Projekto en la Bahaa Centro en Vientiano, dum regula religia kunsido, kun prezento de Bahaa Esperanto-Ligo kaj Bahaa preĝo en Esperanto (la 8a de aprilo).



12. Granda komuna Esperanto-evento en Korea restoracio: Esperanto-klaso kun 7 lecionoj por komencantoj de la Universitato, la Laosa-Singapura Kolegio, kaj la civitanoj. (la 9a de aprilo)
13. Renkontiĝo kaj individua Esperanto-edukado de la respondeculoj de la grupoj, kun praktikaj ekzercoj, uzante bazan Esperantan gramatikon kaj leksikon, personan motivigon. (la 10a de aprilo).
14. Aparta renkontiĝo kun la elektitaj respondeculoj (prizorgantoj) kaj konsilantoj (la 12a de aprilo); diskuto pri la strategio por

evoluo de la estonta Esperanto-movado en Laoso, la 2a etapo de la projekto (post aprilo, 2009) – daŭrigo de memlernado de Esperanto, planado de la 3a etapo – Esperanto-kursoj, kunlaboro kun UEA, KAEM, individuoj el eksterlandaj kaj precipe el la aliaj aziaj landoj kaj fondo de Laosa Esperanto-Asocio.

15. Adiaŭa vespero (por s-ro Lee Jung-kee) kun manĝado kaj libera komunikado, praktikante Esperanton (la 12a de aprilo); resumo de la laboro dum la semajno kiel 1a fazo de la projekto por Laoso kaj parolado pri vastigo de la celoj.

**Daŭrigo de la projekto, gvidata de s-ino Klarita Velikova:**

16. Instruado pri interreto por komunikado inter geesperantistoj: ekfunkciigo de novaj retadresoj de novaj laosaj esperantistoj kaj interŝanĝo de unuaj leteroj en Esperanto kun esperantistoj de aliaj landoj; montrado de uzo de Skajpo por voĉa komunikado kun alilandaj esperantistoj (la 13a de aprilo)
17. Laosa Novjara Festo en esperantista unutaga ekskurso per buso al "Nam Lik"-eko-vilaĝo, en kiu partoprenis Klarita kaj du laosaj familioj de novaj esperantistoj (la 14a de aprilo).
18. Tri tagojn (la 17a, 18a kaj 19a de aprilo) Esperanto-seminario por komencantoj, studentoj kaj civitanoj en la somerĝardeno de Hotelo Lane Xane) – fino de la bazaj gramatikaj reguloj; ekzerco por ekparolado kaj faro de frazoj en Esperanto.
19. Intervjuo (la 20a de aprilo) kun s-ino Klarita Velikova kaj s-ro Kanna Baran ĉe la laosa gazeto "Vientiane Times"- prezento de Esperanto, la eventoj en Vientiano kaj la ideoj pri Esperanto en Laoso en la estonteco.
20. Vespera renkontiĝo (la 20a de aprilo) en la domo de la "unua Esperanta familio" en Laoso – diskuto pri la evoluigo de Esperanto-movado en Laoso (administraj kondiĉoj de la registaro) kaj bezonoj por la daŭrigo de la edukado.
21. Adiaŭa festo por Klarita (la 20a de aprilo) kun civitanoj partoprenintaj en la Esperanto-klasoj.

**Estonta movado en Laoso**

1. Instruado de Esperanto sub la gvido de eksterlandaj gvidantoj el Vjetnamio aŭ Ĉinio.
2. Per Skajpo kontakti eksterlandajn esperantistojn.
3. Organizi landan asocion kaj aliĝi al UEA
4. Kontribui al sudorientaziaj landoj: Mjanmaro, Kamboĝo kaj Tajlando

* Por la laosa movado Korea Esperanto-Asocio, Libroteko Tokio kaj Horizonto donacis librojn. KAEM dankas ilin.

**Pakistano**

# La Unua Estrara Kunsido-2009 de PakEsA

Shabbir Ahmad <pakesa_prezidanto@yahoo.com>

La 28-an de marto 2009, ni sukcese okazigis la unuan estraran kunsidon de Pakistana Esperanto-Asocio (PakEsa) en la urbo Naroval kaj aranĝis seminarion de Esperanto.



Samideanoj el diversaj urboj partoprenis. Antaŭ la kunsido la prezidanto de loka grupo s-ro M. Iqbal aranĝis enkondukan seminarion pri Esperanto en la registara instituto, en kiu 120 gelernantoj inkluzive de 25 fraŭlinoj kaj instruistoj partoprenis. S-ro Shabbir Ahmad Sial, la prezidanto de PakEsa, prelegis pri Esperanto-movado en kaj ekster Pakistano, precipe pri

KAEM kaj UEA, kaj poste instruis kelkajn lecionojn de la baza kurso de Esperanto. Li disdonis lernolibrojn. Pri la restaj lecionoj ili mem lernos per koresponda kurso kaj ricevos atestilojn poste aŭ en la venontjara somera kongreso de PakEsa en la urbo Murree.

Fine la estro de la instituto s-ro Kaŝif Shabbir Rana diris al la lernantoj, ke Esperanto helpos ilin en la estonteco por kontakti aliajn personojn en la mondo rilate iliajn profesiojn. Li laste dankis al ni pro tio, ke ni establis lokan grupon en la urbo Naroval kaj tiun tagon ni aranĝis la seminarion.

Post la seminario, oni okazigis la estraran kunsidon kaj diskutis pri diversaj aferoj de PakEsa, kaj vespere oni finis la kunsidon.

## Memore al Allama Muztar Abbassi

La 26-an de februaro 2009, lokaj grupoj okazigis diversajn kunsidojn kaj seminariojn memore al forpasinta s-ro Allama Muztar Abbassi. Li donis gravan kontribuon al nia movado. Li vivis kaj mortis nur por la progresado de Esperanto-movado. Li estis instruisto de ĉiuj esperantistoj en Pakistano kaj nun vivas en niaj koroj. Shabbir Ahmad Sial <pakesa_prezidanto@yahoo.com>

**Irano**

## La 1-a Irana Esperanto-Kongreso

La 1-a Irana Esperanto-Kongreso okazos jene:
Temo: Irana movado: atingoj kaj celoj
Tempo: la 19-20a de aŭgusto 2009
Loko: Tehrano
Aliĝkotizo: 90 eŭroj (inkluzivas 4-fojan komunan manĝadon)
Por kontribui en la programaro bonvolu kontakti:
ksayadpour@yahoo.com
Pri loĝado bonvolu kontakti: hamzeho@gmail.com

**Japanio**

## Unutaga Kurso de Esperanto en Tokio

La 12an de aprilo 8 Esperanto-Grupoj de Tokio organizis Unutagan Kurson de Esperanto kun la ĉeesto de ĉirkaŭ 40 homoj. En la kurso prelegis s-roj Ulrich LINS kaj ISINO Yosio. S-ro Lins parolis pri Zamenhof kaj lia ideo pri Esperanto, kiu celas egalan internacian komunikadon, kun interpreto de s-ro USUI Hiroyuki. Li menciis sian familion kun esperantistaj filo kaj bofilino. S-ro Isino, direktoro de Japana Esperanto-Instituto, analizis facilecon de Esperanto laŭ struktura vidpunkto. Sekvis prezentado de elementaj kursoj organizataj de la ok grupoj.

## La Internacia Virina Tago de UN en Hiroŝimo

La Internacia Virina Tago de UN en Hiroŝimo ricevis sume 271 solidarecajn mesaĝojn el 69 landoj tutmonde.

Dum unu semajno antaŭ la tago oni havis ĉe la urba Centro de Virina Edukado ekspozicion de la mesaĝoj, kaj la 8an en la kunveno de la Virina Tago ĉe la urba Kultura Centro saman ekspozicion.

En la malfermo de la kunveno de la Virina Tago, en kiu partoprenis 200 virinaj aktivuloj el 20 organizoj, s-ino OSIOKA Taeko raportis pri la internacia interŝanĝo de la mesaĝoj per Esperanto. Pri la evento du ĵurnaloj informis, aparte menciinte la mesaĝojn interŝanĝitajn per Esperanto. Iuj el la aktivulinoj aplaŭdis la laboron de ni esperantistoj. Mi dankas al vi ĉiuj. Jen laŭlandaj nombroj de mesaĝoj:

**Azio:** Barato 2/ Ĉinio 6/ Israelo 4/ Irano 1/ Koreio 4/ Nepalo 2/ Pakistano 2/ Taĝikio 1/ Uzbekio 1/ Vjetnamio 2.

**Afriko:** Benino 1/ Konga Respubliko 2/ Malio 1/ Madagaskaro 1/ Niĝerio 1/ Sudafriko 1/ Tanzanio 2/ Togolando 1.

**Oceanio:** Aŭstralio 3/ Novzelando 1.

**Mez-suda Ameriko:** Argentino 1/ Brazilo 10/ Ĉilio 1/ Ekvadoro 1/ Gvatemalo 2/ Kolombio 1/ Kostariko 1/ Kubo 3/ Meksiko 2/ Paragvajo 1/ Salvadoro 1/ Urugvajo 1/ Venezuelo 1.

**Norda Ameriko:** Usono 5/ Kanado 3.

## La Dua Numero de "Azionia" Aperis

Nove aperis la dua numero de Azionia, la reta revuo pri Azio. Bonvolu viziti http://azionia.blogspot.com por legi ĝin.

Vi vidos jenajn artikolojn en ĉi tiu numero:

1. Vietnamio: La mondaj heredaĵoj en Vjetnamio: Nguyen Thu Quynh
2. Ĉinio: Kiel farĝi fluparolanto? Ĉu eblas por azianoj?: Bill Mak
3. Ĉinio: Omaĝe al Zamenhofa Festo: Zhuang Qixiong
4. Koreio : Esperanto estas grava por Azio: Lee Hyun-Hee
5. Japanio : La plej bongusta: Osioka Moritaka

Mi atendas viajn reagojn en la paĝo. Kritikoj ĉiaj estas ĉiam bonvenaj. Montru vojon al mi, por ke mi estu iranta pli facile.

Razen Manandhar <razeno@gmail.com>

## Nova Libro “Vojaĝo al Mukutinath”

Mukutinath estas sankta loko en la montaro Annapurna en Nepalo. En marto 2006 okazis la 6a Internacia Himalaja Renkontiĝo en tiu regiono. Tiu libro (B6-formato, 100 paĝoj) temas pri ĝi, verkita de s-ro Razen Manandhar <razeno@gmail.com>. La prezo estas 1 usona dolaro kaj la afranko kostas 1.5 usonajn dolarojn.

## D-ro Keshav Ram Joshi Forpasis

Venis malbona novaĵo, ke veterana esperantisto de Nepalo d-ro Keshav Ram Joshi forpasis ĵaude, la 23an de aprilo 2009.

Li lernis Esperanton en la antaŭa epoko, kun eble s-ro Simo Milojevic. Li estis fakdelegito pri astrometrio en 1989, antaŭ ol fondiĝo de Nepala Esperanto-Asocio. Li ofte vizitis la asocion post ĝia fondiĝo kaj ni honore igis lin prezidanto de NEspA. Mi el mia koro sendas kondolencon al liaj familianoj. Estu lia vivo kiel la modelo por nuntempaj esperantistoj. Razen Manandhar

# La 8-a Internacia Himalaja Renkontiĝo


**(Foto: Arai Toŝinobu, japano)**

Ekde la 26a de februaro ĝis la 9a de marto 2009, Nepala Esperanto-Asocio okazigis la 8an Internacian Himalajan Renkontiĝon. Tiu programo, kiu okazas en ĉiu dua jaro, estas planita por doni impulson al la E-movado en Nepalo, kaj samtempe konigi la landon al alilandaj esperantistoj. Nepalaj esperantistoj malofte havas ŝancon vojaĝi eksterlanden, pro kio tiu ĉi programo estas fruktodona por evoluado de la E-movado en Nepalo. Ĉi-jare la nombro de la eksterlandaj esperantistoj estis granda: 22, el Germanio (2), Japanio (12), Koreio (4), Danio (3), Aŭstralio (1), Francio (2), Barato (1) kaj almenaŭ aliaj tri parte partoprenis.

La programo komenciĝis per ekskursoj dum du tagoj en Katmandu-valo kaj sekvis ĝin 8-taga piedvagado en la regiono de Annapurna. Pro la malbona vetero la montoj ne estis videblaj. La 9-an de marto okazis la fina programo kaj Internacia Vespero, en kiuj 42 personoj partoprenis. Impresoj, spertoj, kantoj, poemoj kaj opinioj estis prezentitaj el diversaj fremdlandaj kaj enlandaj esperantistoj. Ankaŭ NEspA havis ŝancon malkovri novan Nepali-Esperanto-vortaron al la partoprenantoj.

Ĉinio

# Agadoj en la Provinco Liaoning

**1. Esperanto-instruado en Liaoning**

En la daŭro de la pasinta jaro pli ol 1100 studentoj elektis Esperanton kiel nedevigan studobjekton, i.a. ĉirkaŭ 150 el ili samtempe studis Evoluan Historion de Esperanto kiel la saman studobjekton.

Pro malsama instruplano, funkciigo de Esperanto-kurso en kelkaj universitatoj ne paŝotenis unu kun alia en la unua monato de la nova semestro (2009.3-2009.7), sed ĝis nun pli ol 300 studentoj jam anoncis sin por la kursoj en Shenyang-a Muzika Universitato kaj Liaoning-a Universitato. Indas mencii, ke post kelkmonata preparo s-ro Zhao Xu, juna doktoro pri historio, komencis instrui Evoluan Historion de Esperanto, kiun 97 studentoj elektis.

Krome dum marto de 2009 LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio) sukcesigis pluan kontakton kun kelkaj universitatoj pri enkonduko de Esperanto.

**2. Publikigo de disertaĵo**

Docentino Li Yanhong el Liaoning-a Universitato publikigis en Teoria Horizonto n-ro 6, 2008, faka gazeto, sian disertaĵon "Unuapaŝa Studado pri komunikado inter Esperanto-instruado kaj Entreprena Kulturo". La disertaĵo estis rigardita kiel stadia rezulto de la esplora temo "Administrado kaj Reformado de Instruado kaj Trejno de Iniciatemaj Talentuloj en Altlernejoj" de Liaoning-provinca Federacio de Sociscienca j Asocioj. Ankaŭ ĝi estis unika disertaĵo pri Esperanto aperinta en la oficiala faka gazeto de Ĉinio en la jaro 2008 post serĉado en la retejoj.

**3. Prelego en universitato**

La 4-an de marto 2009, LEA sendis al Shenyang-a Universitato de Scienco kaj Tekniko s-inon Jiao Xiyang, ĝeneralan sekretarion, por fari prelegon pri Esperanto por instruistoj kaj studentoj.

**4. La estrara kunveno**

Je 18:00-21:00 la 19-a de marto, 2009, LEA kunvenigis estraranojn por la laboro en 2009 en Shenyang-a Dongfang-Trejna Lernejo. Oni diskutis pri kelkaj temoj elmetitaj de Liu Zhengkun (prezidanto), Wu Guojiang (vic-prezidanto), Jiao Xiyang (ĝenerala sekretariino), Liu Enwei (vic-prezidanto) kaj Zheng Quan (vic-ĝenerala sekretariino), kaj la temoj estas: (1) kunlaboro inter LEA kaj iu eksterlanda neesperantista kultura grupo; (2) kompletigo de enhavo pri la starigota retejo de LEA; (3) kunlaboro inter LEA kaj la Nacia Asocio de Esperanto en Burundo pri ĝemeliĝo inter urboj; (4) la 6-a Nordorienta Ĉina Kongreso de Esperanto; (5) partopreno en La Tago de la Lernejo dum la 94-a UK (laŭ mesaĝo de Mihai Trifoi, estrarano de ILEI); (6) Kunlaboro kun kompanio, kiu havas kvar-dimensian teknikon vaste uzitan en produkto de filmo, foto ktp.

Wu Guojiang, Vic-prezidanto de LEA
amikeco999@21cn.com ghemelurboj@yahoo.com.cn

## La Seminario Juneco-pulsanta en Harbino

La 1a Junulara Seminario en Esperanto okazis en la urbo Harbino, Nordorienta Ĉinio, de la 23a ĝis la 24a de majo, kie viglis grupoj da gestudentaj esperantistoj gvidataj de ilia instruistino s-ino Song Ping. Pli ol 80 samideanoj el diversaj lokoj de la lando kaj Rusio ĉeestis la seminarion. En la Interkona Vespero de la 22a de majo, junuloj distiris la kurtenon de la seminario per la ĥora himno La Espero.

En la inaŭguro la prezidanto s-ano Shi Chengtai proponis, ke ĉiuj stariĝu por kondolenci al estimata s-ano Kurisu Kei, kiu forpasis la 16an de aprilo en Japanio, por lia dumviva klopodado por la japan-ĉina amikeco per Esperanto.

Dum la seminario, studentino f-ino Zhu Yanwei parolis pri la seminaria temo “Junularo kaj Interpaciĝo”. Ŝi diris: “Dank’ al la interna ideo pri paco kaj amikeco, Esperanto gajnas aprobon de pacamaj popoloj kaj disvastiĝas tra la mondo. Disvastigo de

Esperanto-movado bezonas ne nur amon de popolanoj, sed ankaŭ kontribuadon. Ni, junuloj, estas en la kreskanta etapo de sia vivo, per nia juneca impulso, ni akcelu prosperon de Esperanto-movado. Tio ja estas la sincera deziro en la koro de ĉiu esperantisto".




S-ano A. Titajev el Vladivostok, Rusio, parolis en la titolo "Rusia Juna Esperanto-movado: Antaŭe kaj Nun". Ĉeestantoj en la seminario varme diskutis pri la temo.

S-ano Hu Guozhu, EVA-ano, prelegis en la titolo "100 Jaroj de Esperanto en Ĉinio", ties riĉa enhavo kaj abundaj bildoj, kiuj estas projekciataj sur ekranon, interesis la ĉeestantojn. La konversacia kurso prezidata de s-ano Liu Minghui, kiu okazis en salono "Kurisu Kei", paroligis komencantojn en Esperanto.

Dum la seminario ĉiuj ĉeestantoj vizitis la lokon de la 731-a Bakteriologia Trupo de la japana invada armeo dum la dua mondmilito kaj turisme vizitis ĉarman Songhua-Riveron, monumenton kontraŭ inundo, la Sanktan Sofian Katedralon, la pitoreskejon Suna Insulo kaj la gajan Centran Straton.

En la Fermo s-ino Song Ping, estrino de LKK, adiaŭis la

ĉeestantojn per varma parolo: “Du tagoj estas tre mallongaj, sed nia amikeco longas kiel tero kaj ĉielo! Mi benas la prosperadon de nia azia junulara Esperanto-movado! Mi elkore deziras sanon kaj feliĉon al vi ĉiuj esperantistoj! Amikoj, ĝis revido, mi amas vin!”

La seminario enverŝis la junecan vivforton en la iom-post-iom maljunuliĝantan ĉinan, eĉ la azian, Esperanto-movadon.

(raportas Shi Chengtai)

## Pilgrimo al Maŭzoleo de Verda Majo

Post la seminario, la 25an de majo, iuj aŭtobuse pilgrimis al Maŭzoleo de Verda Majo en urbo Jimusi.

<hui_shan8@yahoo.com.cn>

* Verda Majo, HASEGAŬA Teru, naskiĝis la 7-an de marto 1912 kaj mortis la 10-an de januaro 1947. En junio de 1932 ŝi eklernis Esperanton. En la printempo de 1936, dank' al Esperanto ŝi konatiĝis kun Liu Ren, ĉina studento en Tokio, kaj edziniĝis kun li en la aŭtuno de la sama jaro. Ŝi venis al Ŝanghajo, Ĉinio, la 19-an de aprilo 1937 kaj dediĉis sin al la batalo kontraŭ la japana invado. Pli detale vidu paĝon “Verda Majo” en vikipedio.



## “Junulara Renkontiĝa Vespero de Esperanto”

La supra Renkontiĝo okazos por memori 150-jaran naskiĝtagon de d-ro Zamenhof la 11an-12an de decembro en Harbin.

Song Ping <songheshu@126.com>

**Israelo**

# La Internacia Libro-Foiro de Jerusalemo

La 15an-20an de februaro okazis en la prestiĝa kongres-centro "Binjane Hauma" la 24-a Internacia Libro-Foiro de Jerusalemo. Kiel antaŭ du jaroj, Esperanto-Ligo en Israelo funkciigis tie Esperanto-budon dum la tuta semajno. La budon organizis A. Wandel kaj deĵoris en ĝi pli ol dek aktivuloj de ELI.

Reprezentantoj de ELI estis invititaj al la malferma ceremonio, kie salutis la ŝtat-prezidento Shimon Peres kaj la urbestro de Jerusalemo Nir Barkat. La fama Japana verkisto Hiroki Murakami ricevis la literaturan premion de Jerusalemo, kaj faris imponan paroladon.

Resumo pri ELI aperis en la oficiala katalogo de la Foiro hebree kaj angle. Centoj da vizitantoj haltis ĉe la budo kaj interesiĝis pri Esperanto, kaj dekoj lasis kontaktinformon. Multaj petis aliĝi al E-kursoj aŭ diris, ke ili jam lernis per "Lernu". Kelkaj rakontis, ke ili lernis E-on eksterlande antaŭ multaj jaroj, sed ne havis kontakton kun esperantisoj, post kiam ili alvenis al Israelo. Pluraj el ili diris, ke ili volas ekviziti la E-klubojn en Tel-Avivo kaj Jerusalemo. Vendiĝis lernolibroj, vortaroj, kompakt-diskoj kaj aliaj varoj por centoj da sikloj. Inter la famaj vizitantoj de nia budo estis prezidento Shimon Peres (alta protektanto de la UK en 2000), iamaj ministroj (ambaŭ iamaj ĉefoj de la maldekstra partio Merec) Josi Sarid kaj Josi Bejlin, iama ministro Moshe Arens kaj la famaj verkistoj David Grosman kaj Meir Shalev. Ili ricevis la kompaktdiskon "Venu Paco".

La 19an de februaro okazis publika prelego de A. Wandel pri la temo "Esperanto kaj Zamenhof: kial internacia lingvo?" kiu estis anoncita en la oficiala programo de la Foiro. Ĉeestis pli ol 30 personoj. Fotoj estas videblaj en la retejo <http://picasaweb.google.com/Amri.nivut/LibroFoiroEsperantoBudo2009>

Amri Wandel" <amri@huji.ac.il>

## ==== Esperanto-eventoj en Azio, 2009 ====

* En la suba listo ne estas aldonitaj kontaktadresoj de E-aranĝoj. Se vi havos intereson pri tiuj, turnu vin al la redaktoro HORI <hori-zonto@water.sannet.ne.jp> aŭ la prezidanto de KAEM s-ro LEE Jung-kee <esperanto@saluton.net>.

### Ĵus Okazintaj Aranĵoj

6.6 ~ 6.7 / La 57a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo / Takatuki, Japanio

Partoprenis en ĝi 207 homoj, inkludzive de moralaj partoprenantoj. Okazis antaŭkongresa ekskurso, 11 fakkunsidoj, 4 lecionoj, 2 prelegoj memora al Zamenhof kaj publika, konkurso kaj prezentado de artaĵoj. Pro epidemio de la novspeca gripo en Japanio, 4 ĉinoj ne povis partopreni, kaj pro tio oni devis multe ŝanĝi la programon. Tamen sukcese finiĝis la kongreso.

6.6 ~6.7 /La 58a Kantoo-Esperanto-Kongreso / Edogaŭa, Tokio, Japanio

Partoprenis en ĝi 107 homoj inkluzive de 43 moralaj partoprenantoj. La 6an okazis ĝenerala kunsido de la Ligo kaj bankedo. La 7an okazis 5 fakkunsidoj, prelego de Jack Halpern (Israelo) kaj ekskurso al la historiaj lokoj ĉirkaŭ la kongresejo. La kongresa memoraĵo estis “Raportoj el Japanio 12” de Hori Jasuo.

### Okazontaj Aranĝoj en 2009

6.14 "Tago de Esperanto" memore al la 90-jariĝo de Japana Esperanto-Instituto, Esperanto-Domo / Tokio, Japanio

6.25 ~ 28 / La 4-a Internacia Meditado-Renkontiĝo / Koreio

6.27 ~ 30 / La 2-a Junulara renkontiĝo de Oomoto kaj Ŭonbulismo / Koreio

7.9 ~ 10 / La 1-a Mongola Kurskunveno de Esperanto / Ulanbatoro, Mongolio

8.21 ~ 23 / Somera Esperanto-Kurskunveno de KEJ / Univ. Yonsei,

Wonju, Koreio
9.3 ~ 4 / La 1-a Irana Esperanto-Kongreso / Irano
9.19 ~ 21 / La 41-a Friska Lernejo / Nose, Osako, Japanio
10.22 ~24 / La 10-a Komuna Israela Esperanto-Semajnfino / jud-araba vilaĝo Neve Ŝalom (Pac-oazo), Israelo
10.1 ~ 07 / Seminario pri Silka Vojo-Turismo per Esperanto / Samarkando, Uzbekio
10.10 ~ 12 / La 96-a Japana Esperanto-Kongreso / Kohu, Jamanaŝi, Japanio
10.11 ~ 13 / Jarkunveno de Ĉina IKEF / Ŝanghajo, Ĉinio
10.15 ~ 16 / Seminario pri instruado de Esperanto en Lushan / Jianĝi, Ĉinio
10.17 ~ 18 / La 2-a Lushan Esperanta Forumo / Lushan, Jianĝi, Ĉinio
10.24 ~ 25 / La 41-a Korea Esperanto-Kongreso / Seulo, Koreio
11.7 ~ 8 / La 50-a Toohoku-Esperanto-Kongreso / Jonezaŭa, Jamagata, Japanio
11.21 ~ 22 /La 10-a Ĉjuugoku-Ŝikoku-Esperanto-Kongreso / Kooĉi, Japanio
12.11 ~ 12 /Junulara Renkontiĝa Vespero / Harbin, Ĉinio
12.26 ~ 28/ La 28a Komuna Seminario / Nankin-a Universitato, Nankino, Ĉinio
12.30 ~ 2010. 1.2 / Transjara Kurskunveno de EPA / Kameoka, Japanio

## En la Venontaj Jaroj

### 2010

6.5~6 (plano) / La 59a Kantoo-Esperanto-Kongreso / Tokio, Japanio
6.12~13 / La 58-a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo / Nara, Japanio
6.19~23 / La 6-a Azia Esperanto-Kongreso/ Ulanbatoro, Mongolio
8.20~22 / La 6-a Ĉina Nordorienta Esperanto-Kongreso / Dandong, Ĉinio
10.9 ~10 / La 97-a Japana Esperanto-Kongreso / Nagasaki, Japanio

**2011**

Oktobro / Komuna Kongreso de Esperanto inter Koreio kaj Japanio aŭ inter Japanio kaj Koreio / Busano, Koreio
Samloke kaj samperiode en Busano okazos La 43a Korea Kongreso de Esperanto kaj La 98a Japana Esperanto-Kongreso.

## Ĉefaj Aranĝoj en la Mondo

**2009**

2009.6.29 ~ 7.17 / Nord-Amerika Somera Kursaro de Esperanto (NASK)/ Sandiego, Kalifornio, Usono
2009.7.17 ~ 25 / La 42 Konferenco de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI)/ Krakovo, Pollando
2009.7.18 ~ 25 / La 65-a Internacia Junulara Kongreso (IJK) / Liberec, Ĉeĥio
2009.7.18 ~ 25 / La 75-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj (IKBE) / Muszyna, Pollando
2009.7.18 ~ 25 / La 82-a Kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT) / Milano, Italio
2009.7.25 ~ 8.1 / La 94-a Universala Esperanto-Kongreso (UK) / Bjalistoko, Pollando

**2010**

2010.7.17~24 / La 95a Universala Kongreso / Havana, Kubo
2010.7.24 ~ 31 / La 66-a Internacia Junulara Kongreso (IJK) / Los Cocos, Santa Cruz del Norte, Kubo
2010.?.? ~ ? / La 43-a ILEI-konferenco / ?, Kubo.

**Letero**

# Mirakloj en Irano

Ottmár Járeb, Budapeŝto, Hungario <ottmar@jareb.hu>

En oktobro 2008 mi pasigis entute du semajnojn en Irano, kaj kvin tagojn en Tehrano kun esperantistoj.

La unua posttagmezo jam komenciĝis preskaŭ nekredeble. Alveninte al la centra busstacio de la urbego havanta pli ol 10 milionojn da loĝantoj mi telefonis al Farmehr Amirdust, prezidantino de IREJO (Irana Esperantista Junulara Organizo), kun kiu mi jam iomete korespondis elektronike. Pro la religia festo en Tehrano preskaŭ ĉiuj hoteloj estis okupitaj. Kiel plej bonan eblon Farmehr proponis, ke ŝi mem serĉos hotelon por mi, kaj mi retelefonu post 10 minutoj. Sed la unusolan funkciantan telefonon en la proksimo tuj okupis junulino kaj mi ne plu havis eblon retelefoni al Farmehr.



Post 10 minutoj mi decidis serĉi ie alian telefonon. Havante malmulte da espero, mi iradis tien kaj reen sur la tereno de la busstacio. Nur iom poste ŝajnis al mi, ke mi aŭdis mian nomon. Sed kiu povus alparoli min per mia nomo en tiu ĉi urbego 15 minutojn post mia alveno? Tiu ne eblas! Mi iris plu. Sed mi denove aŭdis

mian nomon, kaj ŝajnis al mi, ke iu parolas Esperante. Mi ne volis kredi! Mohammad Reza Fuladkhah, amiko de Farmehr, venis al mi per la bonega mesaĝo, ke ili trovis hotelon por mi.

Kaj tiu estis nur la komenco. Dum la kvin tagoj ili konatigis min kun multaj esperantistoj, mi partoprenis plurajn aranĝojn, renkontiĝojn, kaj povis ekkoni la viglan Esperanto-vivon en Tehrano. Mi estis invitata de sinjoro Parviz Habibpur por partopreni la honoran kunvenon dediĉitan al la unua datreveno de la forpaso de sinjoro Aref Azeri, mi partoprenis la lingvokurson de sinjoro Mehdi Zargaripour, povis iomete enrigardi la laboron de la oficejo de sinjoro Reza Torabi, babiladis kun vizitantoj, kaj ekskursis kun entuziasmaj kaj scivolemaj junaj esperantistoj.

Kiam ne estis grupa programo, venis al mi sinjoro Mehdi Zargaripour, sinjoro Ebadollah Mokaddasi aŭ sinjoro Reza Hassan Lou, kiuj montris al mi diversajn vidindaĵojn de la urbo kaj dume rakontis al mi pri interesaĵoj de la irana vivo.

Oni ĉie akceptis min nekredeble amike. Kvankam tio estis por mi en Esperantujo parte kutima, sed la irana akcepto superis ĉion ĝis nun spertitan. Oni ne senbaze diras, ke la irananoj estas unu el la plej gastamaj nacioj de la mondo! Nun laŭ miaj spertoj ankaŭ mi povas aserti ĉi tiun.

Mi sincere proponas al ĉiuj veturemaj, interesiĝantaj, scivolaj esperantistoj viziti tiun ĉi amikan, varmkoran, ankaŭ je esperantistoj riĉan landon.

## Projektoj de KAEM

**Projekto A: Azia Kongreso**

A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.

A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp., per la subvencio el Fondaĵo Azio.

**Projekto B: Kunlaboro**

B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso

B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso

B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, majo kaj septembro ĉiun jaron kaj sendi tiujn al pli multaj homoj en la tuta Azio.

B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:

Japanoj: 20 eŭroj, Koreoj: 10 eŭroj,
Ĉinoj: 5 eŭroj, Alilaj azianoj: 2 eŭroj

B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.

B-6: Eldoni "Jarlibron" ĉiun jaron.

B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter aziaj urboj kaj E-kluboj

**Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI**

C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA

C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA. Ili ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton.

C-3: Membrigi junajn esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.

*"Juna amiko" eldoniĝas 3-foje jare. Tarifo estu 3 eŭroj laŭ tiu ĉi aranĝo (kompare kun plena tarifo de 12 eŭroj).

C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-konferenco pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono

**Projekto Ĉ: Edukado**

Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj

Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj

**Projekto D: Esperanto-libroj**

D-1: Eldoni necesajn librojn

D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj

D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkoston por tio

D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp. al kluboj kaj asocioj

## Japanaj Mondonacintoj al Fondaĵo Azio

Jenaj japanoj donacis monon al Fandaĵo Azio de UEA. Dank' al tiuj financaj helpoj ni povas sendi nian karan revuon "Esperanto en Azio" al pli ol 350 aziaj aktivaj esperantistoj. Ni tre dankas al ĉiuj.

Aida Yayoi, Aihara Misako, Aikawa Setuko, Akada Joŝihisa, Aoyama Atsuko, Arai Toshinobu, Doi Ĉieko, Egawa Harukuni, E-Populariga Asocio, Esperanto-Densyusyo Sue, Esperanto-Ligo de Sikoku, Esperanto-Rondo de Ehime, Gotoo Hitosi, Gotoo Kazumi, Gotoo Joshiharu, Harada Hideki, Hazama Hirotomi, Honda Terumi, Hoŝida Acuŝi, Hotta Yuri, Fukumoto Hirotsugu, Huzisima Tosiko, Huzita Takeo, Iiyoshi Katsuko, Inumaru Fumio, Isaki Michiko, Isikawa Tieko, Isino Masayo, Itabaŝi Micuko, Itou Joriko, Iwai Masahisa, Izumi Yorimiti, Kaba Toyohiko, Kai Koichi, Katoo Ivao, Kazawa Kinuko, Kimura Eiji, Kobayaŝi Kajoko, Kobayashi Masayuki, Kobayasi Utako, Konisi Tiyo, Kuriki Kensuke, Matubara Anselmo Hatirou, Matsuta Hisako, Matsumoto Takashi, Mine Yositaka, Micukaŭa Sumiko, Miyamoto Seiko, Mijazaki-Esperanto-Societo, Mijazaki Hideko, Mizuno Yoshiaki, Nagura Sadako, Nakamiti Tamihiro, Nakamura Humio, Nakatu Masanori, Nakajima Motoko, Nisinaga Atusi, Nishino Takako, Nisio Tutomu, Nomra Tadacuna, Oonisi Sin'iti, Ohsima Junko, Oozato Yosizumi, Lin Takemi, Saitoo Tomoko, Saito Tume, Sanpei Keiko, Sasaki Ricuko, Sasaki Yasuko, Sawaya Yuuiti, Sibayama Zyun'iti, Sugitani Hiroko, Sugijama Ŝigeki, Syôzi Keiko, Tadaisi Tizuko, Tahira Masako, Takahasi Hirosi, Tanaka Kazuo, Tanaka Yoshino, Tanida Yuko, Tsuruta Shizuo, Ueno Yuriko, Unoki Takanori, Jamada Tadaŝi, Yamaguchi Hiromasa, Yamamoto Sintarô, Yamamoto Yukiko, Yamasaki Seikô, Yasumura Midori, Yazaki Yoko, Yokoyama Taeko, Yoshida Nobuko

## Nomlisto de KAEM-anoj kaj Taskoj

1. Koreio: s-ro LEE Jung-kee (prezidanto) <esperanto@saluton.net>
   Azia Kongreso kaj ĝeneralaj aferoj (Jarlibro de KAEM ktp.)
2. Vjetnamio: s-ro TRAN Quan Ngoc (vicprezidanto)
   <tqngoc38@yahoo.com.vn >
   Projektoj Ĉ (Edukado), Movado en sudorienta Azio
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang (vicprezidanto) <wrxzj@tom.com>
   Projekto D (libroj), Movado en nordorienta Azio
4. Barato: s-ro Ranganayakulu (sekretario/kasisto)
   <ranganayakulu@gmail.com>

Sekretaria kaj kasa laboroj (Fondaĵo Azio de UEA, buĝeto kaj kasraporto de AK), suda Azio

5. Japanio: s-ro Sasaki Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
   Projekto C (membrigi aktivulojn al UEA), rusa Azio
6. Pakistano: s-ro Tariq Umar CHAUHDRY <pakesa@hotmail.com>
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
   TTT-ejo de KAEM, Movado en Afganio
8. Nepalo: s-ino Indu Devi Thapaliya <luno1962@gmail.com>
   Junulara movado en la mez-suda Azio
9. Taĝikio: s-ro Saidnabi S <saidanbi@mail.ru> meza Azio
10. Israelo: s-ino Esther SEBBAN <esti33333@hotmail.com>

**Kunlaborantoj de KAEM**

Japanio: s-ro HORI Jasuo (redaktado de "Esperanto en Azio")
s-ino TAHIRA Masako (provlego)
s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo)
Koreio: s-ino CHO Myung-ja, s-ino CHOI Eun-suk

**UEA**

S-ro Probal Daŝgupta (Prezidanto, Barato) <probal53@yahoo.com>
S-ro HORI Jasuo (Estrarano pri landa kaj regiona agadoj, Japanio) <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

**Redaktoro pardonpetas al la legantoj:**

La eldonmonatoj de "Esperanto en Azio" estas januaro, aprilo, julio kaj oktobro, tamen en aprilo mi prelegvojaĝis en Francio. Pro tio mi ne havis tempon redakti nian revuon kaj tiom malfrue mi sendas al vi ĉi-numeron. (HORI Jasuo)

-------------------------------------------------------------------------------------


## Esperanto en Azio

Eldonanto: KAEM (Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0822 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ŝimoŝinden 10-27